# La Bulteneto

Numero 50 Julia Isbrücker-Jaro 2020

DULINGVA MAGAZINO ELDONATA EN VIENO

ZWEISPRACHIGES MAGAZIN AUS WIEN



# Beethoven

Bonn 1770 – 1827 Wien

Ekspozicio en Aŭstria Nacia Biblioteko

ĝis la 19a de aprilo 2020

# La Bulteneto

Aliaj numeroj kiel pdf: bitoteko bulteneto

Numero 50 Julia Isbrücker-Jaro 2020
Redaktejo - eldonejo - presejo:
Rudolfinergasse 8/11, 1190 Vieno, Aŭstrio, Eŭropa Unio

Tekstoj: Renate kaj Walter Klag, esperanto@chello.at

Unverkäufliche, private Ausgabe - Nevendebla, privata eldono

Sur paĝo 1
Fina movimento de la 9a sinfonio kun la koruso
„Ĝojo, bela di-fajrero“.
Originala manskribaĵo de Beethoven el la jaro 1823
[ludoviko de betoveno]
eksponita en Pompa Salonego de Aŭstria Nacia Biblioteko
Vieno, Josefsplatz

„Freude, schöner Götterfunken“ aus dem Finalsatz der 9. Sinfonie, op. 125;
Originalhandschrift von Ludwig van Beethoven; 1823.
© bpk/Staatsbibliothek zu Berlin/Carola Seifert, Staatsbibliothek zu Berlin.
Preußischer Kulturbesitz, Musikabteilung mit Mendelssohn-Archiv.




Preĝejo Sankta Miĥaelo en
Heiligenstadt [hajligenŝtat] (Sankta Loko), tiam apud Vieno,
hodiaŭ 19a distrikto de Vieno.
Malantaŭ tiu preĝejo troviĝis la kuracbanejo,
kie Beethoven klopodis sanigi sian malbon-aŭdecon.
Kolorigita kupro-gravuraĵo (akvaforto) de Lorenz Janscha [lorenc janŝa].
Ĉirkaŭ 1810.
Kopirajto Österreichische Nationalbibliothek.




Amikoj de Beethoven (tiu ĉe la piano):
Anton Schindler, Sigmund Anton Steiner, Georg Joseph Vogler kaj Gottfried van Swieten;
Stich nach einem Gemälde von Albert Gräfle; um 1892
© Österreichische Nationalbibliothek

Oni ne scias, kiel Beethoven aspektis. La pentraĵoj kaj desegnaĵoj, kiuj lin montras, estas tre diversaj:
https://commons.wikimedia.org/wiki/Ludwig_van_Beethoven

BEETHOVEN

# LA TESTAMENTO

Por miaj fratoj Carl kaj (Johann) Beethoven

Ho vi homoj, kiuj vi min opinias aŭ deklaras malamikeca aŭ obstina aŭ mizantropa, kiel maljuste vi agas kontraŭ mi, vi ne scias la kaŝitan kaŭzon de tio, kio aperas tia al vi. Mia koro kaj mia menso ekde la infanaĝo estis por la tenera sento de la bonvolo. Eĉ entrepreni gravajn agojn mi ĉiam emis, sed pripensu nur, ke depost 6 jaroj kaptis min stato de malsano, malbonigita per malkapablaj kuracistoj, trompita de jaro al jaro pri la espero trovi pliboniĝon, finfine devigita al konsciiĝo de daŭra malbono (kies sanigo eble daŭros jarojn aŭ eĉ ne estas ebla); naskita kun fajreca vigla temperamento eĉ malferma por la distroj de la socio, mi devis fine apartigi min, solece pasigi mian vivon, kvankam mi volis foje malatenti ĉion tion. Ho kiel dure mi estis poste repuŝita pro la duobla malfeliĉiga sperto de mia malbona aŭd-senso, kaj tamen ne eblis ankoraŭ al mi diri al la homoj: Parolu pli laŭte, kriu, ĉar mi estas surda. Aĥ kiel povus esti, ke mi indiku la malfortecon de jena senso, pri kiu mi devus disponi en pli perfekta grado ol aliaj; senso, kiun mi posedis iam en la plej granda perfekteco, kiel ĝin malmultaj de mia fako posedas aŭ posedis - ho mi ne povas, tial pardonu, se vi vidos min retiriĝi de tie, kie mi volonte miksus min inter vin. Duoble dolorigas min mia malfeliĉo, ĉar mi devas esti miskomprenata. Por mi ne povas okazi ripozo en homa societo, subtilaj interparoladoj, kaj dialogoj; sole preskaŭ nur tiom, kiom postulas la plej urĝa bezono, mi rajtas eniĝi en la societon, kiel ekzilito mi devas vivi. Se mi proksimiĝas al iu societo, min kaptas arda timemo, ĉar mi timas veni en danĝeron, rimarkigi mian staton. Tiel okazis ankaŭ dum tiu duona jaro, kiun mi pasigis en la kamparo. La ordono

de mia kapabla kuracisto kiel eble plej modeste uzi mian aúdkapablon komplezis al mia nuntempa natura dispozicio malgraú ke kelkfoje mi lasis min denove delogi fare de mia emo al la societo. Sed kia humiligo, se iu staris apud mi kaj aúdis de malproksime fluton kaj mi neniom aúdis aú iu aúdis kanti la paŝtiston kaj mi ankaú neniom aúdis; tiaj okazaĵoj preskaú min malesperigis, mankis malmulte ke mi estus fininta mem mian vivon. Nur ĝi, la arto min retenis; aĥ ŝajnis al mi maleble forlasi la mondon antaú ol krei ĉion tian por kio mi min sentis inklina, kaj tiel mi pasigis tiel mizeran vivon - vere mizeran. Havante tiel senteman korpon, ke iu iom rapida ŝanĝo povas transigi min el la plej bona en la plej malbonan staton. Pacienco - tiel oni diras - ĝin mi devas elekti kiel gvidanton. Mi devas - daúre mi esperas, estu mia decido - persisti, ĝis kiam plaĉas al la senkompataj Parcoj distranĉi la fadenon. Eble pliboniĝos, eble ne, mi estas preta, devigita fariĝi filozofo en aĝo de 28 jaroj. Estas ne facile, por la artisto pli malfacile ol por iu ajn. Ho Dio, vi alrigardas min desupre, al mia interno, vi konas ĝin, vi scias, ke homamo kaj emo al bonfaro loĝas en ĝi. Ho homoj, se vi iam legos tion, pripensu, ke vi agis maljuste kontraú mi, kaj la malfeliĉulo, li konsoliĝu trovi iun samsortulon, kiu malgraú ĉiuj malhelpoj de la naturo, tamen ĉion faris laú sia ebleco, por esti akceptita en la vicon de la indaj artistoj kaj homoj. Vi miaj fratoj Carl kaj (Johann), post kiam mi estos morta kaj se profesoro Schmid ankoraú vivas, petu lin en mia nomo, ke li priskribu mian malsanon kaj vi aldonu tiun skribitan folion al mia malsanpriskribo, por ke la mondo kiel eble plej multe kun mi repaciĝu post mia morto. Samtempe mi vin deklaras ambaú kiel heredantojn de la malgranda havaĵo, (se oni povas nomi ĝin tiel) de mi, dividu ĝin honeste kaj harmoniu kaj helpu unu la alian; kion vi kontraúagis je mi, tion vi scias, ĝi estas jam delonge pardonita al vi. Al vi frato

Carl mi dankas precipe pro via sindonemo montrita dum la lasta tempo al mi. Mia deziro estas, ke al vi fariĝu pli bona senzorga vivo ol al mi. Rekomendu al viaj infanoj virton, nur ĝi sole povas feliĉigi, ne mono, mi parolas laŭsperte; Ĝi estis tiu, kiu min eĉ el la mizero levis, al ĝi mi dankas krom al mia arto, ke mi ne finis mian vivon per memmortigo - adiaŭ kaj amu unu la alian - al ĉiuj amikoj mi dankas, precipe al princo Lichnowski kaj profesoro Schmidt. - pri la instrumentoj de princo L. mi deziras, ke ili estu konservitaj ĉe unu el vi, sed ne pro tio estiĝu disputo inter vi, kiam ili pli utilus alimaniere, tiam trankvile vi vendu ilin; kiel mi ĝojas, se mi ankoraŭ povas utili al vi eĉ el mia tombo - jen ĉio - kun ĝojo mi rapidas al la morto. Se ĝi venos pli frue ol estus okazo por mi disvolvi ankoraŭ ĉiun de miaj artaj kapabloj, tiam ĝi venos tro frue, malgraŭ mia dura sorto, kaj mi dezirus ĝin pli malfrua. Sed ankaŭ tiam mi estos kontenta, ĉar ĉu li min ne liberigos de senfina suferado? Venu, kiam vi volas, mi iras kuraĝe renkonten al vi - adiaŭ - ne tute forgesu min en la morto. Mi meritas tion de vi, ĉar mi ofte pensis pri vi dum mia vivo kaj volis min feliĉigi, estu tiaj.

Heiligenstadt, la 6-an de oktobro 1802

Ludwig van Beethoven

* * *

Heiligenstadt, la 10-an de oktobro 1802, mi adiaŭas min de vi - ja malĝoja - jes la amata espero, kiun mi portis ĉi tien almenaŭ esti resanigita certagrade - ĝi min devas nun tute forlasi. Same kiel la folioj de la aŭtuno falas teren velkintaj, tiel ankaŭ ĝi por mi fariĝis seka. Preskaŭ kiel mi venis ĉi tien, tiel mi foriras. Eĉ la vivkuraĝo, kiu ofte min animis, dum belaj someraj tagoj, malaperis. Ho, provid-

enco - aperigu unufoje al mi unu puran tagon de ĝojo - tiel longe mi malhavas la profundan eĥon de la vera ĝojo. Ho kiam - ho Dieco - mi povas en la templo de la naturo kaj de la homoj resenti ĝin. Ĉu neniam? Ne - ho tio estus tro dura. Por miaj fratoj Carl kaj (Johann) post mia morto legenda kaj plenumenda.



KLARIGOJ

Ekde ĉirkaŭ 1798 Beethoven devis observi iom-post-ioman malboniĝon de sia aŭdkapablo. Tamen li menciis tion ne antaŭ 1801 en letero de la 1-a de julio adresata al sia amiko Carl Amenda, petante la amikon "teni (tion) kiel grandan sekreton kaj konfidi (tion) al neniu, kiu ajn li estus." Jam du tagojn antaŭe, li estis informinta sian amikon el la tagoj de la juneco, d-ron Franz Gerhard Wegeler, en Bonn pri la simptomoj, kiujn li observis ĉe si mem. "La altajn tonojn de instrumentoj kaj kantvoĉoj mi ne aŭdas, se mi estas iom fore. Estas mirinde, ke ekzistas homoj, kiuj neniam rimarkis ĝin dum la konversacio. Ĉar mi ofte estis distrita, oni pensis, ke temas pri tio." En la posta jaro d-ro Johann Adam Schmidt, kiu kuracadis lin tiutempe, konsilis al li viziti la termobanejon en Heiligenstadt por resanigo. Beethoven loĝis tie, kiel konstatis A.W.Thayer, "ekster la vilaĝo ĉe la vojo al Nußdorf ... Promeno de malmultaj minutoj en la direkton de la urbo kondukis lin al la banejoj de Heiligenstadt." En la testamento de Heiligenstadt manifestiĝas la malespero pri la malsukceso de la kuracado kaj la frakasa ekkono, ke la perdo de la aŭdebleco estus neevitebla destino. La dokumenton oni trovis baldaŭ post la morto de Beethoven en lia heredaĵo. Ĝi konserviĝas ekde 1888 en la Ŝtata kaj Universitata Biblioteko en Hamburg.

La Esperanta traduko klopodas redoni la iom arbitran kaj nekutiman stilon de Beethoven.

Angebot

# DIE SILBERMÜNZE-MEDAILLE
# 100 STELOJ
# EIN SPITZENPRODUKT DER MÜNZE ÖSTERREICH




## Anlass: 150. Wiederkehr des Geburtstages von René de Saussure am 17. März 2018

Er war ein Schweizer Sprachwissenschaftler und der Erfinder des universellen Geldes.
Sein Bruder Ferdinand de Saussure war der Begründer der modernen Linguistik.

Limitierte Auflage: 1000 Stück, keine Nachprägungen. Durchmesser: 37 mm.
Oberfläche: Stempelglanz - PP. Lieferung in einer Kunststoffkapsel.
Masse: 1 Unze Feinsilber 999/1000 (31,1 Gramm). Zertifikat wird mitgeliefert.
Aus gesetzlichen Gründen ist die Silberpunze 925 aufgeprägt.
Herausgeber und Entwerfer: Mag. Walter Klag.
Künstlerische Feinarbeit: Mag. Helmut Andexlinger, Chefgraveur der Münze Österreich.
Hersteller: Münze Österreich, Wien 3., Am Heumarkt 1; muenzeoesterreich.at
Die Münze Österreich ist eine 100%ige Tochter der Österreichischen Nationalbank.

**Preis 60 € einschließlich der Versandkosten (gilt für Euro-Länder).**

Lieferung nach Vorauszahlung des Betrages. Bitte schreiben Sie die genaue Zustelladresse (gegebenenfalls auch die Wohnungsnummer) an esperanto@chello.at.

Mag. Walter Klag, Rudolfinergasse 8/11, 1190 Wien, Aŭstrio.

# La renaskiĝo de la Steloj

Antaŭ kvin jaroj kaj duono, dum FESTO 2012 en Métabief, Alexandre 'Alekĉjo' Raymond venis al mi kun freneza sed interesa ideo: eldoni Esperanto-monon. Tiutempe FESTO multe inovaciis, ĝi eldonis propajn tasojn, ĉemizojn kaj pli. Dum la renkontiĝo grupo de homoj ĉirkaŭ tablo diskutis kiel aspektu la moneroj, kiom ili valoru kaj kiel ili funkciu.
Post la somero Alekĉjo kontaktis kun presejo de plastaj moneroj por taksi, kiom realigebla estas la ideo. La plano fine aspektis jena:

- Estu moneroj de 1, 3 kaj 10 Steloj. Tio ebligos rapidan pagadon de diversaj eblaj monsumoj.
- La moneroj estu malsamkoloraj kaj malsamgrandaj, por ebligi facilan kaj rapidan uzon.
- La koloroj estu ruĝa, flava kaj verda, kaj la simboloj gufo, papago kaj krokodilo.
- La valoro de unu Stelo egalu al la plej malgranda kutima elspezo en trinkejo aŭ gufujo, do unu taso da teo aŭ unu glaso da kolao.

La finaj desegnoj estis senditaj kaj 3000 moneroj estis presitaj en oktobro 2012. Bonŝance en la fino de oktobro okazis malgranda renkontiĝo, kiun mi kunorganizis: Klaĉ-Kunveno Post-Somera en Nederlando. Ĝi estis perfekta por testi la novan monsistemon. La publiko ŝatis la monerojn, kaj sukcesis adaptiĝi al ĝia uzado. Post KKPS la Itala Esperanto-Junularo iĝis kuninvestanto de la projekto.
La originala valoro estis difinita kiel 4,2 Steloj en unu eŭro. Poste la valoro estas ligita al la inflacie kompensitaj valoroj de eŭro, realo kaj zloto kun pezoj de 76%, 20% kaj 4%. Do same kiel la antaŭa Stelo, tiu ĉi Stelo teorie tenos sian valoron. Ekde 2012 ĝis 2017 la valoro de unu eŭro en Steloj variis inter 4,040 kaj 4,581.
La Steloj estas ĉefe uzataj en trinkejo de junularaj Esperanto-renkontiĝoj. Ili estas valida pagilo en KKPS 2012-2017, IJF 2013-2017, JES 2012 kaj 2017, SES kaj FESTO 2013 kaj IJK 2015. Krome ili uziĝis en kelkaj trajnkaravanoj kaj eblas mendi ilin poŝte ĉe Alekĉjo aŭ Roĉjo.
La avantaĝoj de Steloj en trinkejo estas la facila uzo, la malalta pezo relative al metalaj moneroj, kaj la fiero havi specialan Esperanto-monon. La ĉefa malavantaĝo estas la bezono interŝanĝi alian monon kontraŭ Steloj en la komenco de la renkontiĝo.
La kvanto presita en 2012 devus sufiĉi por uzo en eĉ la plej grandaj junularaj renkontiĝoj. Se ilia uzo aŭ kolektado ekster la junulara movado ankaŭ kreskos, tiam dua presado estos pripensinda.

Rogier 'Roĉjo' Huurman

Bildoj: https://commons.wikimedia.org/wiki/Category:Stelo

Bonvolu mendi la plastajn Stelojn ĉe rogier.huurman@gmail.com



# Julia Isbrücker-Jaro 2020

## Invito al kunlaboro

2020 estas la 100a datreveno de la 12a Universala Kongreso en Hago (1920). Julia Isbrücker kunorganizis ĝin. La realigo de tiu kongreso pruvas, ke ankaŭ granda milito ne povas neniigi nian lingvon. Julia kunfondis Internacian Esperanto-Instituton kaj Universalan Ligon kaj kuneldonis la metalajn Stelo-monerojn, kies nominaloj estas 1, 5, 10 kaj 25 Steloj.




Sur la monero Julia Isbrücker, desegnita de mag. Helmut Andexlinger, ĉefdezajnisto de Münze Österreich, 2020.

2020 aperas arĝenta 50-Stela monero por la honoro de Julia Isbrücker:
Maso 30 gramoj da arĝento 925/1000, diametro 40 mm, eldonkvanto 300.
**Prezo 60 € inkluzive de la sendokostoj (validas por la eŭro-landoj).**




Bonvolu sendi al mi tekstojn kaj fotojn de kaj pri Julia. Kolektita materialo - tekstoj, fotoj - aperos kaj en la formo de vikipediaj artikoloj en diversaj lingvoj kaj kiel broŝuro. En la fina eldonaĵo via nomo estos menciita.

Walter Klag, esperanto@chello.at.

# Esperanto-Numismatika Asocio

Pro la ĝis tiam kompleta manko de tia projekto, en 2013 estis fondita la fakgrupo „Esperanto-Numismatika Asocio” (ENA) kun revuo „Esperanta Numismatiko”, probable la ununura tia fakgrupo en la historio de Esperanto.

La instiga fakto estis la konstato, ke en Esperantujo la propra trezoro je moneroj kaj medaloj estas apenaŭ konata, eĉ ne en la vasta rondo de kolektantoj. Kaj tiuj, kiuj scias, ke vere ekzistas tiaj belaĵoj, supozas, ke ili estas kvante kaj kvalite tute malgravaj. Tial, unu el la ĉefaj celoj de la nova fakgrupo estas montri al la esperantistoj kaj al la cetera mondo, ke esperantaj numismatikaĵoj estas kolektindaj kaj nepre pristudendaj artefaktoj. Kroma celo estas plejeble baldaŭ kompili kaj eldoni katalogon kaj enciklopedian terminaron.

La membro-kvanto de ENA kreskis dum nur kvin jaroj ĝis 133 individuaj membroj kaj 20 esperantaj organizaĵoj, bibliotekoj kaj muzeoj, dise en la mondo.

Agrable por ni kaj vi estas sendube, ke la asocio ne havas estraron, do ankaŭ ne kasiston!

Tial oni rajtas SENPAGE aliĝi (sufiĉas respondi: „Mi konsentas aliĝi”). Krome la *NUR PERRETA* revuo estas tute SENKOSTA! Kaj tio neniam ŝanĝiĝos!

Post aliĝo, vi tuj ricevos perrete ĉiujn jam aperintajn kaj sekve ĉiujn aperontajn numerojn, 4 numerojn jare.

Nian anoncon vi trovos ankaŭ en la Jarlibro de UEA. Se vi deziras kromajn informojn, ne hezitu kontakti nin tiel: bert.boon@skynet.be

Vi rajtas unue peti provnumeron! Vi decidos poste!

Kun numismataj kaj samideanaj salutoj,

Bert Boon
Iniciatoro de ENA, ĉefredaktoro de „Esperanta Numismatiko”

## Sprachencafé

Möchten Sie eine neue Sprache lernen? Oder Ihre Fremdsprachkenntnisse auffrischen? Dann kommen Sie zum Sprachencafé der WMW Friends im cook.café & bistro in der wunderschönen Säulenhalle!

**Sprachen**: Arabisch, Deutsch, Englisch, Esperanto, Indonesisch und Spanisch.
Eine Kooperation der WMW Friends mit duolingo
Treffpunkt: Säulenhalle



Im Wiener Weltmuseum findet jeden zweiten Montag ein Sprachencafé statt.

Termine: eventa servo austria



# Internationales Esperanto-Museum

Wien 1., Herrengasse 9
Haltestelle Herrengasse der U3
☏ 0043 1 534 10 730 💻 esperanto@onb.ac.at

Öffnungszeiten: Dienstag bis Sonntag 10 bis 18 h
Donnerstag 10 bis 21 h

**Esperantokurse und Führungen auf Anfrage.**



Im selben Haus befinden sich auch die
**Sammlung für Plansprachen**,
die
**Musikaliensammlung**
und das
**Globenmuseum**

# ESPERANTO



# JES!



**Eine Stunde intensiv im** *urgemütlichen*

**Café Vox Libri, Wien 17., Jörgerstraße 26**

**Linie 43, Haltestelle Palffygasse**

**Wählen Sie bitte einen dieser Termine:**

**Freitag, 28. Feber 2020 18 - 19 Uhr oder**

**Donnerstag, 19. März 2020 18 - 19 Uhr**

Teilnahme kostenfrei Keine Spende Anmeldung nicht notwendig

**Siehe auch: eventa servo austria**